13 a JARO | JANUARO - FEBRUARO | N. 1—2

# Brazila  Esperantisto

OFICIALA ORGANO DE
BRAZILA LIGO ESPERANTISTA
REDAKCIO—Praça 15 de Novembro, 101
RIO DE JANEIRO — BRAZILIO





Ĝardeno kaj monteto «Gloria»

RIO DE JANEIRO — BRAZILIO

# BRAZILA LIGO ESPERANTISTA

## (Liga Esperantista Brasileira)

## B. L. E.

*(Reconhecida de Utilidade Publica por Decreto n. 4356, de 26 de Outubro de 1921)*

Unuiĝo Kreas Forton

### ESTATUTOS

Art. 1° — A BRAZILA LIGO ESPERANTISTA (B. L. E.), fundada em 21 de Julho de 1907, com séde na cidade do Rio de Janeiro, tem por fim:

a) Dirigir a propaganda geral do Esperanto no Brasil;

b) Fazer propaganda do Brasil no estrangeiro por meio do Esperanto;

c) Colligar e auxiliar os grupos esperantistas;

d) Organizar regulamentos para exames de Esperanto e dar os respectivos diplomas;

e) Promover a creação de cursos superiores e por correspondencia;

f) Representar a opinião dos esperantistas brasileiros que lhe forem filiados:

g) Superintender a organização de congressos brasileiros de Esperanto;

h) Editar o BRAZILA ESPERANTISTO.

Art. 2° — A «Brazila Ligo Esperantista» consiste de:

a) Socios fundadores;

b) Socios isolados;

c) Socios bemfeitores;

d) Socios honorarios;

e) Grupos filiados (sociedades, associações, clubs, etc.)

§ 1° — São socios fundadores todos os que se achavam quites em 13 de Dezembro de 1913.

§ 2° — São socios isolados todos os que pagam uma contribuição annual de 5$000.

§ 3° — E' socio bemfeitor toda a pessôa que fizer á B. L. E. uma doação de, pelo menos, 200$000.

§ 4° — E' socio honorario toda a pessôa que prestar grandes serviços á B. L. E. Este titulo será dado por um congresso brasileiro de Esperanto.

§ 5 — São grupos filiados todos os que, acceitando este regulamento, pagam uma quota annual de, pelo menos, 15$000, correspondente a seis socios, a razão de 2$500 cada um.

§ 6° — Os pagamentos são feitos adiantadamente.

Art. 3° — A «Brazila Ligo Esperantista» não intervem nas questões que dizem respeito á vida interna dos grupos filiados, que podem livremente agir, segundo os seus estatutos.

Art. 4° — Os socios têm direito a:

a) Receber gratuitamente o «Brazila Esperantisto», orgam official da B. L. E.

b) Gosar de abatimento nos livros ou outras publicações feitas pela B. L. E.

§ 1° — Os grupos filiados podem, gratuitamente, publicar no orgam official informações sobre o movimento esperantista local.

Art. 5° — A «Brazila Ligo Esperantista» reunir-se-á em sessões ordinarias de trez em trez mezes, nas quaes tomarão parte os membros da directoria, os socios isolados e os delegados dos grupos filiados.

§ 1° — Os membros da directoria e os socios isolados têm direito a um voto cada um.

§ 2° — Os delegados de grupo filiado têm direito a tantos votos quantas vezes a contribuição total do grupo contiver a quota annual de um socio isolado. Esses votos poderão ser accumulados por um delegado ou repartidos por dois ou mais.

Art. 6° — A «Brazila Ligo Esperantista» será dirigida por uma directoria composta de um presidente, um vice-presidente, um secretario geral, dois secretarios e um thesoureiro.

§ unico — A directoria será eleita durante os Congressos Brasileiros de Esperanto, ou em assembléa geral se houver um intervallo superior a dois annos entre dois Congressos.

.............................................

## ESTRARO de B. L. E.

*Honora prez* — D-ro Everardo Backheuser.
*Prezidanto* — Ing. A. Couto Fernandes.
*Vicprezidanto* — D-ro Venancio da Silva.
*Generala sek* — Ing. H. Motta Mendes.
*1ª sek* — S-ro Odillo Pinto.
*2ª sek* — F-ino Yrany Baggi de Araujo.
*Kasisto* — S-ro E. Felix Tribouillet.

---

## GRUPOJ ALIĜINTAJ AL «B. L. E.»

1. BRAZILA KLUBO «ESPERANTO». (1906) Sidejo: *Praça 15 de Novembro, 101, Rio de Janeiro.*
2. ESPERANTO - KLUBO DE ARACAJU. (1907). Sidejo. *Aracajú, Sergipe.*
3. VIRINA KLUBO. (1912) Sidejo: *Rua General Severiano, 170, Rio de Janeiro.*
4. GRUPO ESPERANTISTA «COUTO FERNANDES». (1914). Sidejo: *Rua Collares Moreira, 116. S. Luiz. Maranhão.*
5. NOVA SAMIDEANARO. 1919). *Rua Tristão Gonçalves, 246. Fortaleza. Ceará.*
6. ESPERANTISTA RONDETO «VERDA STELO» (1919). *São Bonifacio. Correio de Theresopolis. S. Catharina.*
7. VERDA STELARO. (1920). *Rua Paysandú, 781. Pelotas. Rio Grande Sul.*
8. ESPERANTISTA GRUPO «ENERGIO» (1921). *Instituto Historico e Geographico. Belém. Pará.*

---

## Tarifo por anoncoj

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 1 | Paĝo ........... | 40 | Fr. francaj. | 24$000 |
| 1/2 | » ........... | 25 | » | 15$000 |
| 1/4 | » ........... | 13 | » | 8$000 |
| 1/8 | » ........... | 8 | » | 5$000 |
| 1/16 | » ........... | 5 | » | 3$000 |

Rabatoj: 2 enpresoj 5 %, 3 enpresoj 10 %, 6 enpresoj 20 %.

Procento al la anonckolektanto 10 %.

## CIRKULERO

Estimata Sinjoro

La Nacia Ekspozicio de la Memoriga Centjara Datreveno de la Brazila Sendependeco prezentas al Esperanto bonegan okazon por elmontri ĝian forton kaj disvastigon. Krom la grava komisio jam donita rilate al la ekspedo de prospektoj diverslingvaj kaj en Esperanto, B.L.E. okupos apartan ĉambron interne de la loko de l'Ekspozicio. B.L.E. intencas fari grandegan montron de Esperantaĵoj, kaj por atingi tian celon ĝi bezonas la helpon de la tuta esperantistaro. Ni esperas, ke vi sendos al ni ĝustatempe gazetojn, revuojn, verkojn (literaturajn, lernigajn, muzikajn), katalogojn, glumarkojn, insignojn, propagandajn afiŝojn, k.t.p., k.t.p.

Laŭ peto, ni resendos al vi post la fermo de la Ekspozicio, la Esperantaĵojn de vi sendotajn, aŭ ni vendos ilin eventuale je via konto. Tiuokaze bonvolu montri la prezon.

Altestime

Brazila Ligo Esperantista

Praça 15 de Nov. 101
Rio de Janeiro

Brazila Esperantisto 13 Jg Jan/Feb. Nr 1-7 zwischen Umschlagblatt u. Seite 1

Numero 1-2

...a 15 Novembro, 101
...EIRO — BRAZILIO

Kaj esperon doni kaj konsolon al ili,
Dio la virinojn sur la teron dismetis,
Ankaŭ belajn astrojn semis sur la ĉielo.

Donis lumon Li al val', al montoj nebulon,
Neĝon al la montoj kaj ekflamo al suno
Al malfermiĝanta floro diris : Parfumu !
Al la koro de la virinoj murmuris : Amu !

(Trad.) *La Forgesito*

...plej belegaj kreitaĵoj de la naturo.

Ili ambaŭ havas odoron ; en unu tremetas la nobla esenco de l' amo, de l' kareso kaj de l' korinklino ; en alia la adorinda kaj karesa bonodoraĵo, kiu forte balzamumas la aeron kaj la vastecon de l' esmeraldaj kampoj...

Tradukis

TARGINO SOARES

*Mossoró. Rio G. Norte.*

# BRAZILA LIGO E

**(Liga Esperantis**

**B. L.**

*(Reconhecida de Util*
*Decreto n. 4356, de*
*192*

Unuiĝo Krea

**ESTAT**

Art. 1º — A BRAZILA L
(B. L. E.), fundada
com séde na cidade do
fim :

a) Dirigir a propaganda
Brasil ;
b) Fazer propaganda do
meio do Esperanto ;
c) Colligar e auxiliar os
d) Organizar regulament
peranto e dar os respec
e) Promover a creação d
correspondencia ;
f) Representar a opinião
leiros que lhe forem fi
g) Superintender a or
brasileiros de Esperan
h) Editar o BRAZILA E

Art. 2º — A «Brazila Ligo E

a) Socios fundadores ;
b) Socios isolados ;
c) Socios bemfeitores ;
d) Socios honorarios ;
e) Grupos filiados (socie
etc.)

§ 1º — São socios fundador
vam quites em 13 de
§ 2º — São socios isolados t
contribuição annual de
§ 3º — E' socio bemfeitor
á B. L. E. uma d
200$000.
§ 4º — E' socio honorario t
grandes serviços á B
dado por um congress
§ 5 — São grupos filiados
este regulamento, pag
pelo menos, 15$000,
cios, a razão de 2$500
§ 6º — Os pagamentos são

Art. 3º — A «Brazila Ligo
vem nas questões q
interna dos grupos f
mente agir, segundo os seus estatutos.

Art. 4º — Os socios têm direito a :

a) Receber gratuitamente o «Brazila Esperantisto», orgam official da B. L. E.
b) Gosar de abatimento nos livros ou outras publicações feitas pela B. L. E.

§ 1º — Os grupos filiados podem, gratuitamente, publicar no orgam official informações sobre o movimento esperantista local.

Art. 5º — A «Brazila Ligo Esperantista» reunir-se-á em sessões ordinarias de trez em trez mezes,

# BRAZILA ESPERANTISTO

OFICIALA ORGANO
de "BRAZILA LIGO ESPERANTISTA"

13-a Jaro — Numero 1-2

Aliĝo al B. L. E. 5$000
Jarabono eksterlande Fr. 5
(Franca valoro)

Januaro-Februaro 1922

REDAKCIO—Praça 15 Novembro, 101
RIO DE JANEIRO — BRAZILIO


## D-ro Epitacio Pessôa kaj Esperanto

*Okaze de parolado farita en la Societo de Geografio de Rio de Janeiro, kiun li ĉeestis, d-ro Epitacio Pessoa, prezidanto de la Respubliko, honoris la sidejon de Brazila Ligo Esperantista per ĝentila vizito kaj havis la afablecon diri kelkajn kuraĝigajn vortojn.*

——

*Laŭ decido de la ordinara kunsido de B. L. E., ĝia prezidanto telegrafis al d-ro Epitacio Pessoa dankante lin pro lia valora helpo al Esperanto.*

*Responde li ricevis la jenan telegramon :*

*«Palaco Cattete, nº 20930, 21 Feb. 1922.*

*D-ro Couto Fernandes*

*Sinjoro Prezidanto de la Respubliko dankas la ĝentilecon dankesprimo Ligo Esperantista.*

*Agenor de Roure.*
*Sekretario*

## AMO

(El hispana lingvo)

Por dolĉigi la suferon de l' forpelitoj,
Kaj esperon doni kaj konsolon al ili,
Dio la virinojn sur la teron dismetis,
Ankaŭ belajn astrojn semis sur la ĉielo.

Donis lumon Li al val', al montoj nebulon,
Neĝon al la montoj kaj ekflamo al suno
Al malfermiĝanta floro diris : Parfumu !
Al la koro de la virinoj murmuris : Amu !

(Trad.) *La Forgesito*

## ST. VATRALSKI

(Bulgara Verkisto)

**En la mondo estas nur kvaropo**

(Araba saĝeco)

La unua - li ne scias
Kaj ne scias, ke ne scias, -
Tiu estas *malsaĝulo* -
Vi evitu lin !
Jen la dua - pli ne scias,
Sed li scias, ke ne scias -
Tiu estas *malklerulo* -
Vi klerigu lin !
Ankaŭ tria - li jam scias,
Sed ne scias li, ke scias, -
Tiu estas la *dormanto* -
Vi vekigu lin !
Kaj la kvara - kiu scias,
Li mem scias, do, ke scias, -
Tiu estas la *saĝulo* -
Vi sekvadu lin !

Esperantigis : Pro Ivan R. Tzonef, Sevlievo, Bulgarujo.

## SUR POŜTKARTO

*(Souza Pinto)*

La virino estas stranga floro, koketa, originala ; kaj, virino kaj floro estas la plej belegaj kreitaĵoj de la naturo.

Ili ambaŭ havas odoron ; en unu tremetas la nobla esenco de l' amo, de l' kareso kaj de l' korinklino ; en alia la adorinda kaj karesa bonodoraĵo, kiu forte balzamumas la aeron kaj la vastecon de l' esmeraldaj kampoj...

Tradukis
TARGINO SOARES

*Mossoró. Rio G. Norte.*

# ESPERANTO EN LA POŜTO KAJ TELEGRAFO

D-ro Pires do Rio, ministro de Publikaj Laboroj, ricevinte petskribon de s-ro Otto Reber, prezidanto de Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝtoficistoj, sendis, je la 4ª de Februaro, al la direktoroj de l'Poŝto kaj de l'Telegrafo la jenan ordonon :

«Mi rekomendas ke vi sendu al la prezidanto de Brazila Ligo Esperantista, d-ro Couto Fernandes, supera telegrafoficisto, liston kun la nomoj kaj adresoj de ĉiuj oficistoj, kiuj jam scias Esperanton, ĝin lernas aŭ estas al ĝi simpatiaj».

Per cirkuleroj la cititaj direktoroj sciigis ĉiujn poŝtajn kaj telegrafajn oficistojn pri tiu decido.

Dr. Pires do Rio, ministro da Viação e Obras Publicas, tendo recebido um requerimento do Snr. Otto Reber, presidente da Liga Internacional dos Esperantistas dos Correios e Telegraphos, expediu, no dia 4 de Fevereiro, aos directores dos Correios e Telegraphos o seguinte Aviso :

«Recommendo-vos que providencieis no sentido de ser fornecida ao Presidente da Liga Esperantista Brasileira, Dr. Couto Fernandes, Sub-Director dos Telegraphos, uma relação com os nomes e endereços dos respectivos empregados que já sabem o Esperanto, que o estudam actualmente ou simplesmente que lhe são sympathicos».

Os referidos directores deram, por circulares, conhecimento desse Aviso a todos os empregados das Repartições dos Correios e Telegraphos.

# Esperanto kaj Komerco

La tre grava asocio «Ligo de l'Komerco» en sia kunveno de l' 6a. de Februaro, aprobis la jenan rezolucion prezentitan de s-ro Alberto de Almeida :

«La *Ligo de l'Komerco* de Rio de Janeiro, konvinkita ke la lingvo Esperanto solvis praktike la problemon de la helpa internacia lingvo, montriĝante en siaj multaj aplikoj, speciale en la komercaj rilatoj, kiel ilo kapabla plenumi la celojn de facila interkompreno kaj de popola proksimiĝo, decidas :

— Rekomendi insiste la lernadon de Esperanto en la komercaj lernejoj kaj institutoj.»

A importante associação «Liga do Commercio» em sua reunião de 6 de Fevereiro, approvou a seguinte indicação, apresentada pelo Sr. Alberto de Almeida :

«A Liga do Commercio do Rio de Janeiro, convencida que a lingua Esperanto resolveu praticamente o problema da lingua internacional auxiliar, manifestando-se em suas multiplas applicações, especialmente nas relações commerciaes, instrumento capaz de preencher os fins de facil inter-comprehensão e de approximação dos povos, decide :

— Recommendar com empenho o ensino do Esperanto nas Escolas e Institutos Commerciaes».

## Zamenhofaj Vortoj

### PRI UNUECO

*Per unueco* ni pli malpli frue certe venkos, eĉ se la tuta mondo batalus kontraŭ ni ; per interna malpaco ni ruinigus nian aferon pli rapide, ol tion povus fari ĉiuj niaj malamikoj kune (Krakow, 1912).

Ĉiu vera amiko de lingvo internacia devas absolute silenti pri siaj personaj gustoj aŭ gustetoj, kaj ni ĉiuj devas antaŭ ĉio labori en *plej severa unueco*, por ke ni akiru por nia afero la *konfidon* de la mondo (Cirk. Letero, 1908).

### PRI NATURA EVOLUCIO

Volapuk pereis ĉefe pro unu grava eraro, kiun ĝi bedaŭrinde enhavis : absoluta manko de *natura evoluipovo* (Antwerpen, 1911).

Lingvo, kiu devas trabati al si la vojon per laborado de amasoj, povas disvolviĝi nur per tre sigarda vojo de *natura evolucio* ; sed ĝi tuj mortus, se oni volus ĝin disvolvi per *kontraŭnatura* kaj danĝerega vojo de *revolucio* (Cirk. Letero, 1908).

### PRI LA LINGVA KOMITATO

Ĉar la Lingva Komitato ĝis nun faris ankoraŭ neniun rompon en la lingvo, tial la re-

formistoj ĝin kulpigas, ke ĝi estas senviva, senforta, senaŭtoritata, sentaŭga (Cirk. Letero 1908).

Pli bone estas, ke la Komitato faru tro malmulte, ol ke ĝi facilanime faru ian paŝon, kiu povus malutili al nia tuta afero. (Dresden, 1908).

*L. L. Zamenhof.*

---

## O Esperanto e a Liga das Nações

A' Brazila Ligo Esperantista foi dirigida pela Secretaria da Liga das Nações o seguinte officio:

Liga das Nações — Genebra — Suissa, Dezembro de 1921. Senhor: Sem duvida chegou ao vosso conhecimento a decisão tomada pela 2ª Assembléa da Liga das Nações, de inscrever na ordem do dia da 3ª Assembléa, a questão do ensino do Esperanto nas Escolas Publicas. A Secretaria Geral foi encarregada de preparar um relatorio completo e documentado sobre as experiencias já feitas e os resultados obtidos neste assumpto.

Ficaremos muito agradecidos se nos fornecerdes todas as informações desejaveis sobre o ensino, a diffusão e o emprego do Esperanto em vosso paiz. Solicitamos a remessa de um relatorio detalhado e preciso, de accordo com o questionario junto. Agradecemos a remessa de vossa resposta com a maxima brevidade.

Tende a bondade de receber, Senhor, a segurança de minha alta consideração. (a.) *Inazo Nitobé*, Sub-Secretario Geral, Director da Secção das Repartições Internacionaes.

## O Esperanto nos Correios

A administração postal e telegraphica da Hollanda publicou a seguinte portaria: 961. — Esperanto — Attendendo ao pedido da Liga Internacional de Empregados dos Correios, relativo aos nomes e endereços dos empregados que são esperantistas, convido os interessados a mandar até 10 de Janeiro, nome, classe e endereço, directamente, á Administração, 6ª Secção D, mencionando o numero desta portaria.

---

# La vojo al la Paradizo

*Al nia profesoro d-ro A. Couto Fernandes*

— Mia patrino, kial oni min disigas de vi? Ĉu mi neniam plu vidos vin? Ĉu mi ne dormos plu kiel en la pasinta tempo sur viaj genuoj? Ho! patrineto mia, kiom da larmoj mi elverŝis ĉiunokte apud via lito! Mi ne povas dormi, ĉar de du monatoj mi ne sentas sur mia frunto viajn dolĉajn kisojn, mia bonanima patrino!...

Tiel plendis antaŭ la pordo de malsanulejo knabineto, kies okuloj estis larmplenaj. Profunda doloro konsternegis ŝin; ŝiaj vestoj estis nur ĉifonoj kaj ŝiaj nudaj piedetoj ne povis bone starigi ŝin. Ŝi donis kelkajn paŝojn al la pordo de la malsanulejo, kaj, tremante de emocio, ŝi sonoris.

Oni malfermis la fenestron kaj aperis la pordisto: maljunulo kun blanka barbo, kies dolĉa kaj bona vizaĝo trankviligis la knabineton.

—Pro amo al Dio, ŝi diris, lasu min eniri; de du monatoj mia patrineto estas tie ĉi... Lasu min eniri por doni al ŝi kison!

— Kompatinda orfineto — kontraŭdiris la pordisto, — vi ne povas ŝin vidi, ĉar de sep tagoj ŝi ripozas en sia lasta loĝejo!... Kaj li fermis la fenestron.

Sed la kompatinda orfineto ne komprenis tion, kion la maljunulo diris al ŝi, kaj plendis plue antaŭ la pordo de l' malsanulejo.

Fine ŝi leviĝis kaj revenis malrapide kaj tre ĉagrena al la dometo, kie bona virino zorgadis ŝin, de kiam ŝia patrino eniris en la malsanulejon.

Apenaŭ komenciĝis la sekvanta tago tuj la malgranda Agneso, - tiel ŝi estis nomata-, revenis okupi sian postenon antaŭ la malsanulejo. La espero decidigis ŝin frapi la pordon.

La pordisto tuj aperis...

— Ankora alian fojon tie ĉi, knabineto... Kial vi volas resti tie ĉi nokte kaj tage? Tiel ne povas esti kaj vi ne devas apartiĝi de tiuj, kiuj zorgas pri vi kaj tre amas vin!

— Lasu min eniri, sinjoro, mi petas vin — rediris la knabino per dolora sono — mi volas vidi mian patrinon... De longe mi ne ŝin vidas... suferas al mi la koro!...

— Mi bedaŭras, knabineto, sed, kion mi povas fari en tiu okazo? Via patrino ne estas plu tie ĉi: de ok tagoj ŝi supreniris al la paradizo.

Agneso foriĝis de l' malsanulejo, trapasis la urbon rapide kaj sin trovis baldaŭ meze de l' kamparo.

La suno elĵetis radiaron sur la orajn spikojn; la tuta naturo salutis la novan tagon. Sed la malgranda Agneso piediris malgaja, silenta, kaj estis kompatinde vidi ŝiajn nudajn piedetojn irantajn sur la ŝtonoj de l' vojo... Ŝi deziregis atingi la paradizon.

Jam malproksime de l'urbo, ŝi renkontis grupon da laboristoj, kiuj sin direktis al sia laboro: ili estis familio.

Alproksimiĝis la knabino al tiu, kiun ŝi supozis la patrino kaj demandis al ŝi:

— Sinjorino, bonvolu diri al mi, kie mi trovos la vojon al la paradizo?

— La vojo estas longa, knabino, sed iru ĉiam rekte kaj vi certe atingos la finon.

Agneso, aŭdante tiajn parolojn, ekĝojiĝis, salutis ĝentile kaj daŭrigis sian vojon.

Si marŝis rapide, kuris, preskaŭ kuregis kaj ŝiaj piedetoj apenaŭ tuŝetis la malglatajojn kaj la barojn, kiuj kontraŭstaris ŝin: Fine ŝi faligis lacega ĉe la vojbordo.

— Mia patrineto iĝos tre kontenta, kiam mi diros al ŝi ke mi tiom marŝis, — pensis la knabineto, sopirante lacege.

Apud la vojo estis rivereto.

Agneso trinkis iom, ĉar ŝi soifas ; poste ŝi kaŭriĝis ĉe la grenkampo por iom ripozi ; ŝi kuniĝis la manojn kaj murmuretis : «Mia Jesuo, ĉio por Vi !» kiel ŝia patrino instruis ŝin. Post minutoj ŝi ekdormis.

Agneso vekiĝinte, ekteruregiĝis.

— Kiu kondukis min tien ĉi ? kiel mi alvenis al la fino ? Mi nenion memoras pri tio! Dio mia, kiel belega estas ĉio tio... kiom da oro, kiom da lumo ; mi povas ilin rigardi, kaj ili ne blindigas min !...

Kaj la knabino antaŭiradis, sin banis, por tiel diri, en tiu oceano de lumo kaj aŭdadis tiun koncerton dolĉegan, pli dolĉan ol la mielo, kaj ŝajnis al ŝi ke ŝi ne povas subteni la pezon de tiom da feliĉeco.

La ĝojo ŝin tute plenigis.

Subite ŝi vidiĝis ĉirkaŭita per arego da infanoj, kiuj havis sur la fronto stelon tre helan.

Venu, fratinjo, venu ludi kun ni — diris la infanoj — ni estas la elektitoj de l' Sinjoro!

— Gefratoj, — ŝi diris al ili — konduku min apud mian patrinon, ĉar estas ŝi, kiun mi volas vidi.

Apenaŭ ŝi diris tiujn ĉi vortojn ŝi sentiĝis kvazaŭ flugante tra la paradizo, kaj momente ŝi sin trovis antaŭ virino portanta sur la fronto oran kronon kaj vestanta mantelon punktitan per steloj, kiuj ŝin kovris ĝis la piedoj.

— Patrino, mia patrino, kriis Agneso kurante por sin ĵeti en ŝiajn brakojn.

En tiu momento, la bruo de ŝarĝveturilo vekis Agneson.

Kie mi estas ? — ŝi diris.

Ŝi rigardis ĉirkaŭe, vidis la vojon, la rivereton... kaj komprenis ke ĉio estis sonĝo.

La kompatindulineto decidis iri sian penegan vojon demandante al la vojirantoj per peteganta voĉo, kie ŝi povus trovi la paradizon. Ĉiu kompatis al ŝi, kaj virino donis al ŝi fruktojn kaj panon por ke ŝi iom sin nutru. La knabino iris de vilaĝo al vilaĝo; ŝiaj piedoj estis nudaj kaj sangaj, ŝiaj haroj malordigitaj, ŝia vizaĝo pala kaj malgrasa, ŝia vesto malseka pro la pluvo.

Tiel pasis dek kvin tagoj kaj la knabino ne povis plu...

Ŝi alvenis vesperon apud montego. Granda domo stariĝis sur la pinto de l'monto. Ĝi estis granda monaĥejo. Agneso, vidante la kupolon de l' preĝejeto orumita per la lastaj radioj de la suno, pensis ke sendube tie estas la paradizo.

Ŝi provis la supreniron.

Ĝi estis penega ; la piedoj de la knabineto sin diŝiris sur la ŝtonoj, sed ŝi ne elversis larmon, nek murmuris plendon : la espero estis pli forta ol la laciĝo, kaj fine ŝi atingis la pordon lacega, sen elspiraĵo.

Ŝi vokis kiel ŝi povis kaj aperis monaĥino.

— Kion vi serĉas tie ĉi filineto ?

— Mi serĉas mian patrinon, kiu forlasis min, kun granda ĉagreno mia, kaj mi ne trovas la vojon al la paradizo por iri apud ŝin.

La edzino de Kristo kondukis la knabinon al la malsanulejo de la monaĥejo, kie la monaĥinoj rapide zorgis pri ŝi kaj hejtigis ŝiajn membrojn malvarmigitajn.

— Ho patrino mia !— ekkriis tuj Agneso, mi alvenis al la fino... ricevu min !...

Ŝi distendis la brakojn kvazaŭ ŝi volus ĉirkaŭpreni nevideblan objekton kaj mortis en la brakoj de la monaĥino.

Fine ŝi kuniĝis al sia patrino en la paradizo.

El portugala traduko de Frato Pedro Thomaz Hikspoors, aperinta en «O Mensageiro Carmelita» esperantigis.

*Violeta de Azevedo Paim*
*kaj*
*Haydea Ferreira.*

---

## Brazila Ligo Esperantista

Je la 18a de Februaro okazis la 1a ordinara kunsido de Brazila Ligo Esperantista. Ĝin prezidis s-ro inĝ. A. Couto Fernandes. La unua sek., s-ro Odillo Pinto, legis la leterojn kaj telegramojn ricevitajn. Poste la prezidanto legis sian raporton pri la agado de la Ligo dum la monatoj Aprilo ĝis Decembro 1921 kaj la sek. la bilancon de la kasisto, s-ro E. Felix Tribouillet.

Por ekzameni la bilancon kaj kontojn estas elektita komitato konsistanta el la jenaj sinjoroj : d-ro Nuno Baena, Carlos Domingues kaj Alcindo Terra.

Estas aprobitaj la jenaj proponoj, prezentitaj respektive de d-ro Nuno Baena, s-ro Alcindo Terra, s-ro Carlos Domingues, f-ino Regina Negreiros de Barros kaj d-ro Nuno Baena :

1a «Mi proponas, ke B.L.E. adresu telegramon al D ro Epitacio Pessoa, prezidanto de la Respubliko, dankante lin pro la valora

apogo de li donita al la ideo de lingvo internacia, precipe al Esperanto.»

2ª «Mi proponas, ke B.L.E. nomu reprezentanton ĉe la XIV Universala Kongreso de Esperanto.»

3ª «Mi proponas, ke B.L.E. danku al S-roj Deputatoj Elpidio Mesquita, C. Lima, Arlindo Leoni, kaj Senatano Godofredo Vianna, la bonvolon kaj simpation al Esperanto, dum la trairo de la projekto konsideranta B.L.E. institucio de publika utileco.»

4ª «Mi proponas, ke B. L. E. invitu ĉiujn grupojn ekzistantajn en nia lando, por ke ili aliĝu al ĝi.»

5ª «Mi proponas, ke pli unu fojon ni danku al la brazila gazetaro kaj speciale al tiu de Rio de Janeiro, la valoran kaj efikan helpon de ĝi donitan al la propagando de Esperanto, konfirmante sian ĉiaman simpatian senton al la fina venko de nia afero.»

Reprezentiĝis «Brazila Klubo Esperanto», «Virina Klubo», «Nova Samideanaro», «Esperantista Rondeto *Verda Stelo*» kaj «Verda Stelaro».

———

## Brazila Klubo Esperanto

6ª Ordinara Estrara Kunsido en la 7ª de Januaro de 1922.

Prezidas D-ro Nuno Baena. La protokolo de la 5ª kunsido estas aprobita.

La prezidanto sciigas, ke li sendis al Sinjorino Klara Zamenhof, la vidvino de D-ro Zamenhof, respektplenan saluton en la memorinda tago de lia naskiĝa datreveno.

Estas akceptita membro-adepto s-ro Antonio Monteiro, proponita de s-ro Braulio de Moraes.

La prezidanto sciigas, ke la nuna reprezentanto de B. K. E. ĉe la Kongreso de Amerikanistoj estas D-ro Carlos Domingues.

La estraro difinas la 22an de Januaro, je la naŭa matene, por la ekskurso al Nacia Muzeo, gvidanto D-ro Annibal de Souza, kaj la 23an de la sama monato por la parolado de F-ino Maria Luiza Bocayuva, ĉe la sidejo, je la 17ª horo.

Post diskutado la estraro decidas:

1e — Nuligi la debiton de la klubanoj ĝis la 31ª de Decembro de 1921;

2e — Inviti la nekvituloj por pagi la tutan kotizaĵon de la jaro 1922, ĝis la 14ª de Marto;

3e — Konsideri kiel peton pri eksigo la nepagon de tiu kotizaĵo.

———

7ª Ordinara Estrara Kunsido en la 14ª de Februaro de 1922.

Prezidas D-ro Nuno Baena.—La protokolo de la 6ª kunsido estas aprobita post korektigo.

La prezidanto sciigas, ke okazis du ekskursoj al Nacia Muzeo, pro ŝanĝo de la horo. La unua grupo, kunveninta je la 9ª matene, estis gvidata de D-ro Nuno Baena; la dua grupo, kunveninta je la 15ª horo, estis gvidata le D-ro Annibal de Souza.

La prezidanto sciigas, ke li aĉetigis unu "bonus" de la Nacia Ekspozicio, kiu restas en la kaso de B. K. E.

La estraro decidas, ke la proksima ekskurso estos al insulo Paquetá.

## NEKROLOGIO

La 29an de Januaro de 1922 mortis nia agema kaj sindona samideano, S-ro Octavio Alvares de Azevedo Macedo. Li naskiĝis la 28an de Oktobro de 1888, kaj en 1918 li ricevis la diplomon de farmaciisto, sed lia celo estis fariĝi kuracisto. Estante neriĉulo, li prilaboris sian vivon, kaj samtempe li studis la medicinon. Li estis membro de diversaj asocioj literaturaj kaj sciencaj, apartenante ankaŭ al la partio socialista brazila.

Li estis 1ª kasisto de Brazila Klubo Esperanto, kaj li ĉiam pleuumis sian taskon tre honeste kaj sindone. Li estis ankaŭ membro de Brazila Ligo Esperantista kaj de U. E. A.

## O Esperanto nas escolas publicas

A nova lei sobre a instrucção publica, recentemente approvada pelo Parlamento Bulgaro, permitte, em seu artigo 143, o ensino facultativo da lingua auxiliar Esperanto.

A' vista disso, o Sr. St. Omarceviski, ministro da Instrucção Publica pediu á Bulgara Esperantista Societo, que lhe enviasse uma lista dos professores habilitados e, por decreto n. 481, de 7 de Outubro ultimo, designou 29 professores para dirigirem os cursos de Esperanto que serão abertos em principios de 1922 em diversas escolas de ambos os sexos.

## Subvenções ao Esperanto

*O parlamento da Finlandia, por occasião da votação do orçamento para 1922, approvou a rubrica do Capitulo XIII, que subvenciona a Esperanto-Associo da Finlandia com a dotação de 25 mil marcos finlandezes. E' de notar que em 1921 foi concedida a mesma subvençao, porém foi approvada a proposta por maioria de votos, emquanto que para 1922 ella foi approvada por unanimidade.*

*A cidade de Rive-de-Gier (França) resolveu subvencionar annualmente o grupo esperantista local com a quantia de 100 francos.*

*O conselho municipal de Offenbach (Allemanha) decidiu dar 7.000 marcos para o pagamento de professores de Esperanto em cursos de 300 creanças.*

## Printempo-Foiro de Frankfurto a. M.

Ni sciiĝas el esperanto-prospekto, ke en la semajno de la 2 — 8 de aprilo 1922 oni aranĝos la *6an Internacian Foiron de Frankfurto a M.* Ĉis tiam estos finkonstruataj du pluaj foir-konstruaĵoj: impona ferkonstrukcio «La Domo de la Tekniko» kaj duetaĝa masiva konstruaĵo el betono «La Domo de la Ŝu-komercaĵoj». La Foira Komitato ne malfaciligis la superrigardeblon de iu el la laŭbranĉe ordigitaj sekcioj. Pro tio ĝi tamen devis limigi la nombron de la ekspoziciontoj, sed aliflanke povis fari pli zorgeman elekton inter la firmoj allasataj. La importisto trovos do en Frankfurto veran kvalito-foiron kun bonega resumo pri ĉio ofertata.

La aŭtuno-foiro okazos de 8— 14 de oktobro 1922.

## As Feiras da Europa

A 3ª Feira de Praga realizou-se em Setembro ultimo sob os auspicios do Sr. Th. G. Masaryk, presidente da Republica Tcheco-Slovaca. Mais uma vez ficou patente a efficiencia das Feiras. O numero de expositores attingiu a somma de 9.374, e entre elles, além dos nacionaes, da Allemanha, Austria, França, Yugo-Slavia, Suissa, Hespanha, Algeria, Inglaterra, Dinamarca, Hollanda e America do Norte.

Os negocios effectuados orçaram por 1.040.451.950 corôas, importancia conhecida officialmente, excluidos os negocios de que não foi informada a Commissão.

E' de notar a iniciativa e espirito pratico dos paizes que concorreram á Feira, e que tem a nitida comprehensão de que não devem ficar na vaidosa e commoda expectativa de que o mundo adivinhe os seus productos e lhes faça a gentileza de impetrar humildemente que se faça negocio.

A 4ª Feira será realizada de 12 a 19 de Março, e a 5ª de 3 a 10 de Setembro.

## Illustração Brasileira

La Januara numero de tiu ĉi belega ilustrita revuo (37cm ✕ 27cm), oficiala organo de la Aganta Komitato de la Centjarfesto de l' Sendependeco de Brazilio, enhavas rakonton de l' konata verkisto Viriato Correia esperantigitan de d-ro Nuno Baena.

Ĉiu numero kostas 2$000. Redakcio: *Rua do Ouvidor, 164 — Rio de Janeiro.*

## 2° Congresso Catholico Internacional

*Luxemburgo — Agosto de 1922.*

*Com a approvação do Bispo de Luxemburgo, Mgr. Nonmesch, realizar-se-á, na cidade de Luxemburgo, nos primeiros dias de Agosto do corrente anno, o 2° Congresso Catholico Internacional, organizado pela Liga Internacional Catholica. O Congresso tem por fim manter por um trabalho pratico a collaboração activa dos catholicos de todo o mundo.*

*Todas as informações serão dadas pelo Snr. A. Couto Fernandes, delegado da Liga Internacional Catholica, cuja séde é em Graz, Austria, Karmelitzplatz.*

## O Esperanto e os philologos allemães

O conhecimento pessoal do Esperanto deu em resultado uma importante modificação na attitude dos philologos allemães, em relação a lingua internacional. De inimigos irraciveis, vão pouco a pouco se tornando amigos. Por exemplo, as "Informações da União Philologica da Saxonia" publicou noticias sobre o Esperanto, sem commentario desfavoravel, e mesmo um breve appello em favor do movimento esperantista. O professor Messen, (de Giessen) defende o Ministro da Instrucção de Hessen por causa de sua decisão sobre o Esperanto, defesa que appareceu na importante revista allemã "Paedagogisches Zentralblatt", 6° volume de 1921.

## Skolta Esperantista Ligo

Está tomando grande incremento a "Skolta Esperantista Ligo" (Liga de Esperantistas Escoteiros), com séde na Inglaterra, tendo por fins principaes: Fazer a propaganda dos ideais escoteiros por intermedio do Esperanto e a desta lingua auxiliar entre os escoteiros do mundo inteiro, editar livros em Esperanto sobre o escotismo e ainda manter uma revista internacional.

O Secretario Gerál da Liga é o Sr. Normann Booth.

Existe um Conselho Director constituido pela Directoria e pelos Agentes nos diversos paizes.

Para o Brasil foi eleito Agente o engenheiro dr. Alberto Couto Fernandes, presidente do Grupo de Escoteiros da Gloria e Thesoureiro da Associação de Escoteiros Catholicos do Brasil, ao qual devem dirigir-se todas as pessoas, escoteiros ou não, que desejarem adherir á Liga. A quota de adhesão é apenas de 2 schillings.

## KRONIKO

PARÁ. *Belem* — Alvenis s-ro Antonio Sampaio, telegrafa distrikta ĉefinĝeniero, kiu intencas fari propagandon de Esperanto en tiu Ŝtato.

CEARÁ. *Fortaleza* — Sub la direktado de l' malnova kaj kompetenta esperantisto s-ro Moacyr Caminha aperis nova esperanta revuo nomata "Brazila Vivo", kies adreso estas la la jena: *Rua General Sampaio, 330.* Al ĝi ni diziras longan vivon.

Funkcias nun tri kursoj direktataj de s-roj Moacyr Caminha kaj Francisco Falcão.

Sciigoj pri Esperanto aperis en la ĵurnaloj "Diario do Ceará" kaj "Correio do Ceará". Sub la titolo "Blua letereto", s-ro Gastão Justa skribis en "Jornal Pequeno" bonan artikolon de propagando.

*Crato.* La klera pastro Manoel Feitosa malfermis kurson de Esperanto en la Seminario, kie li estas profesoro. Li intencas fondi katolikan esperantistan grupon. La gazeto "A Região" aperigis bonan artikolon pri tio.

BAHIA. *Alagoinhas* — La gazeto "Correio de Alagoinhas" publikigis la longan liston de la gravaj personoj, kiuj subskribis la peton senditan al la Ligo de Nacioj.

PARANÁ. *Coritiba* — S-ro Renato Cartaxo aperigis longan artikolon por Esperanto en la ĵurnalo "Gazeta do Povo".

S. CATHARINA. *Palhoça* — La gazeto "Municipio de Palhoça" malfermis siajn kolonojn al la propagando de Esperanto kaj jam publikigis kelkajn sciigojn senditajn de la Esperantista Rondeto "Verda Stelo".

RIO GRANDE SUL. *Pelotas* —La ĵurnalo "A Opinião Publica" daŭrigas aperigi sciigojn kaj artikolojn pri Esperanto.

RIO DE JANEIRO.—Je la 1a de Januaro okazis vesperfesto ĉe "Centro Cosmopolita" organizita de *Laborista Esperantista Grupo* kun la helpo de "Gremio Artistico Renovação". La festo komenciĝis per la esperantista himno "La Espero" kantita de geesperantistoj. D-ro Nuno Baena, prezidanto de "Brazila Klubo Esperanto" faris paroladon pri la profitoj kaj progresoj de Esperanto. Poste deklamis en Esperanto s-roj José Nascimento kaj José Rodrigues kaj f-inoj Olga de Biasi, Elvira Boni kaj Carolina Boni, kiu ankaŭ kantis belan muzikaĵon nomatan "Esperanto". Bona orkestro ludis kelke da muzikpecoj. La festo tre ŝatis al la granda ĉeestantaro.

— Je la 22a de Januaro okazis promenado de geesperantistoj al la Parko "Bôa Vista" iniciate de Brazila Klubo "Esperanto". Direktis la karavanon la klera esperantisto inĝ. Annibal de Souza. Ĝin partoprenis ankaŭ geanoj de "Virina Klubo" kaj "Laborista Esperantista Grupo".

— Dum kunveno de la Asocio de la Brazilaj Katolikaj Skoltoj estas legita la alvoko de la Prezidanto de Skolta Esperantista Ligo al ĝiaj anoj. Gi aperis en la revuo "O Escoteiro" kaj en la ĉefaj ĵurnaloj en Rio de Janeiro.

— La 18an de Februaro okazis ĝenerala kunveno de Brazila Ligo Esperantista, pri kiu ni parolas aliloke.

— La klera esperantisto s-ro Medeiros e Albuquerque, fama ĵurnalisto kaj verkisto, publikigis libron sub la titolo "Gravaĵoj kaj Frivolaĵoj", kiu enhavas bonegan skribaĵon por Esperanto. S-ro João Ribeiro, tre konata filologo, recenzante en "O Imparcial" tiun verkon, serĉis rebati la argumentojn de Medeiros e Albuquerque, sed komencis dirante ke li ne scias Esperanton. En "Jornal do Commercio" aperis tuj poste artikolon de s-ro Manoel Numa de Oliveira, kiu, montrante la senpravecon de la recenzisto petis ke li lernu Esperanton.

S-ro Oliveira finis sian artikolon dirante ke li estas certa ke, se s-ro João Ribeiro ellernos Esperanton, li fariĝos unu el ĝiaj plej fervoraj propagandistoj.

— "O Jornal" publikigis la paroladon faritan de s-ro Inazo Nitobé, sekretario de la Ligo de Nacioj, ĉe vespermanĝo okazinta en Praha dum XIII Universala Kongreso de Esperanto, kiun li ĉeestis kiel oficiala reprezentanto de la Ligo.

"Nova Sociedade", organo de l'"Fondintoj de Nova Societo", daŭrigas la kurson de Esperanto per siaj kolonoj.

A. C. F.

## O Esperanto no estrangeiro

FRANÇA. — *Paris*. La *Hebrea Tribuno*, publicada n'esta cidade, annuncia que a União dos Esperantistas hebraicos, da Tcheco-Slovaquia, resolveu editar um jornal para a propaganda esperantista entre os hebreus e vulgarisar a vida hebraica ao mundo esperantista.

No 1º Congresso internacional de navegação aerea, inaugurado em Novembro ultimo, o Sr. Rollet de l'Isle, engenheiro geral da secção hydrographica da marinha franceza, apresentou minucioso relatorio sobre o Esperanto, o qual virá impresso nas memorias do Congresso.

De 4 a 11 de Dezembro ultimo funccionou o 1º Congresso Democratico Internacional; foi uma Congregação de catholicos pacifistas de 22 paizes, visitada por varios parlamentares e vultos eminentes.

O problema da lingua internacional foi alli debatido minuciosamente, realçando-se os discursos do Dr. Metzger (Graz) e Senhorita Meyer (Paris), após os quaes foram formulados diversos *Considerands* com a seguinte conclusão:

«O 1º Congresso Democratico Internacional recommenda a divulgação do Esperanto em todos os paizes e deseja a adopção do seu ensino, como a primeira lingua estrangeira, com excepção da vernacula, nas escolas de todo o mundo».

*Bordeaux*. A Sociedade Anatomo-Clinica resolveu, por unanimidade, adherir á resolução *pro* Esperanto, da Associação Franceza para o progresso das Sciencias: tal alvitre deve-se ao nosso samideano Dr. Bergonié, professor da Faculdade de Medicina, da Universidade de Bordeaux.

*Limoges*. Com approvação da Camara do Commercio, os cursos commerciaes d'esta cidade inauguraram aulas de Esperanto.

*Lille*. O prof. Vanverts, decano da Faculdade de Medicina e membro correspondente de Academia de Medicina, propaga o Esperanto em artigos nos jornaes de medicina.

*St. Etienne*. O Conselho Municipal deu a subvenção de 300 francos para o grupo local: é esta a 12ª subvenção.

DINAMARCA. -- *Kopenhague*. O Congresso da Paz, reunido n'esta cidade no ultimo verão, tratou da questão da lingua internacional para correspondencia. A maioria dos Dinamarquezes optou pelo Esperanto; os suecos e norueguezes, porém, preferiram o inglez, tendo sido acceita a proposta n'este sentido. Depois do Congresso esta acceitação despertou tão energico protesto que, actualmente, segundo a imprensa dinamarqueza, alterou-se o que estava acceito; em vez do inglez uzarão o Esperanto nas relações internacionaes.

ALLEMANHA. — *Nuremberg*. A' convite da Camara Commercial, o prof. Dr. Ledermann discursou sobre o Esperanto; seguiu-se a sua conferencia importante discussão sobre a utilidade da lingua artificial. Os grupos esperantistas receberam d'essa Ca-

mara uma circular, significando interesse pelo movimento esperantista e a convicção de que ella satisfaz a secular necessidade da lingua mundial para as relações dos povos; finalmente elle saúda a escola commercial superior de Nuremberg e demais institutos de educação elementares e medias, por terem se declarado dispostos a instruir o Esperanto.

*Lubeck*. Cogita-se da organização de um Congresso previo ao de Helsingfors, de 31 de Julho a 3 de Agosto p. f.

*Salzburg*. O grupo esperantista d'esta cidade tenciona organisar em 25 e 26 de Março corrente um Congresso esperantista sul germanico, com o fim de revigorar a propaganda na Austria e na Germania Meridional.

*Halle*. A união germanica de professores cégos, nas suas reuniões de 6 a 8 de Outubro ultimo, occupou-se da introducção do Esperanto nos institutos dos cégos; por proposta do director W. Reiner de Nuremberg, resolveu por unanimidade propôr ao ministerio germanico dos cultos que, no programma para professores cégos esperantistas, seja equiparado o esperanto ás linguas franceza e ingleza. Desde Janeiro ultimo funcciona, como secção facultativa do Instituto dos Cégos de Noremberg, um curso dirigido pelo proprio director Reiner. Em Frankfurt funcciona um curso dirigido pelo prof. cégo sr. Urban, que cooperou para a publicação do Esperanto-Germanico diccionario para Cégos

ITALIA. — *Roma*. Foi organisado o *Grupo Esperantista Internacional Romano*, tendo por fim a introducção do Esperanto nos Centros operarios revolucionarios. Adheriram os Parlamentares O. Morgari e Bombacci.

*Cremona*. A Camara do Commercio deu uma subvenção de 100 liras ao grupo esperantista local, e o Banco Popular 150 liras.

*Bologna*. Foi festejado o dia natalicio do Mestre, por meio de trabalhos uteis: exames, inauguração de cursos, prelecções, etc.

*Veneza*. O sr. Pizzi dirige tres cursos para escoteiros. Em *Genova*, o sr. Ricca organisa um curso igualmente para escoteiros. O Instituto dos Cégos acceitou a proposta do mesmo sr. para dirigir alli um Curso de Esperanto.

FINLANDIA. O Esperanta Instituto começou o anno lectivo com animadora frequencia e regularidade; funccionam um curso superior, um curso pratico, quatro cursos elementares, cursos separados para a Cooperativa Central de Commerciantes e para a Companhia Constructora de machinas e pontes. Estavam annunciados cursos, durante as férias do Natal, para o preparo de professores provinciaes; organisados pela delegação estadual de cursos publicos e a expensas do estado, n'elles se acha incluido, como secção official e regular, o Esperanto. Durante as duas semanas os esperantistas poderão receber instrucção de aperfeiçoamento, 2 a 3 horas cada noite, sobre methodos de propaganda e ensino: os participantes, antes do curso, devem revelar algum preparo mediante um exame elementar. Findo o curso haverá exames para a obtenção de diploma elementar e superior. A frequencia é gratuita, pagando o Estado uma indemnisação adequada, naturalmente para cobrir as despesas de viagem. O *dever* de todo grupo esperantista é esforçar-se para que um socio, pelo menos, compareça a esse curso.

*Helsingfors*. — Continuam os preparativos para o 14° Congresso Intercional de Esperanto, em Agosto de 1922.

RUSSIA. — O Congresso dos Esperantistas Sovietos fundou um centro para o Esperantismo, cuja acção deve irradiar-se pela vastissima Russia: invoca o auxilio de todos os samideanos patricios em prol do Esperantismo e do Internacionalismo. O endereço do Centra Komitato é o seguinte: Moskvo — Bolsaja Dmitrovka, 12.

*Moskow* — Os funccionarios postaes, telegraphistas, telephonistas e radiotelegraphistas russos, unidos e unificados em corporação profissional, resolveram estudar e utilisar o Esperanto para a permuta do pensamento com todos os collegas do mundo, aos quaes pedem remessa de jornaes esperantistas, gazetas, photographias, etc. A correspondencia deve ser dirigida para: *Russia-Moskvo Ĉudovskoj 6* — Al S-ro N. Modenov. Centra Komitato de Ligilo—Esp. Oficejo.

POLONIA. *Varsovia* — As sociedades esperantistas polacas reunidas nomearam delegações para desempenhar o piedoso dever de visitarem conjunctamente o tumulo do Mestre, em 15 de Novembro ultimo.

TCHECO-SLOVAQUIA.—O 13° Congresso Internacional de Esperanto,realisado em Praga e encerrado a 8 de Agosto ultimo, entre outras deliberações tomou principalmente algumas destinadas a regularisar a organisação e acção do mundo esperantista; para tal objectivo recommendou a creação da «*Liga Esperantista Universal*» sob cujos auspicios ficará a direcção do nosso movimento. O Congresso approvou a iniciativa da creação do monumento ao Dr. Zamenhof e acceitou a resolução de pleiteiar-se ante os governos a instrucção do Esperanto em todos os collegios.

— A Camara do Commercio e Artes de *Olomouc* mantem cursos de Esperanto.

— A União dos Esperantistas Hebraicos deliberou publicar um periodico destinado a propagar o Esperanto entre os Hebreus e divulgar a vida hebraica ao mundo esperantista.

*Plzeen*. — Graças aos esforços do sr. Kavan, foi o Esperanto introduzido nos cursos dos collegios commerciaes: dirigem esses cursos os srs. Hahn e Tittl.

BULGARIA. — Nos collegios ou escolas publicas de 2° grão foi introduzido *obrigatoriamente* o ensino do Esperanto, sob a direcção de lentes officialmente remunerados, para o preparo de professores da lingua auxiliar.

YUGOSLAVIA. — A opinião publica mostra-se muito favoravel ao Esperanto, graças aos bellos resultados colhidos do seu ensino e do franco apoio da imprensa, que espontanea e vigorosamente noticia sobre a vida esperantista. O governo, como primeira subvenção, offereceu 2.000 corôas.

RUMANIA. — *Cluj* — Os esperantistas d'esta cidade, auxiliados pelo governo, conseguiram um esplendido local para uma exposição de propaganda esperantista. Entre os protectores da iniciativa, figuram os seguintes nomes eminentes: Dr. Mihali, ministro dr. Prie, secretario de estado da instrucção publica; C. Tanasezcu, secretario do interior; D. Calugareann, reitor da Universidade; prof. Cortea; E. Isaac, inspector chefe; C. Goodwin, consul inglez; Dr. Ille, director dos Correios, Dr. Metes e Pop., etc. Varios orgãos da imprensa local deram sobre o facto encomiasticos e animadoras noticias.

V. S.

## Bibliografio

Ni ricevis kaj tre dankas:

BONHUMORAJ RAKONTOJ DE NUNTEMPAJ VERKISTOJ. El la hungara literaturo. Rekomendita de Esperantista Literatura Asocio.

MONDO KAJ KORO. Poemoj de K. de Kalocsay. Aĉeteblaj ĉe Hungara Esperanto Servo — S-ro Paulo Balkanyi, *Budapest, VI, Hajos-u 15. Hungria.* Prezo: 0.40 fr. frankoj aŭ 300 rs.

KIEL ONI FONDAS KAJ ORGANIZAS ESPERANTAN GRUPON? Kun aldono de statutoj por esperantaj grupoj de Hans Sappl, prez. de la Esp. - Societo «Por alta celo». Graz. *Paulus eldonejo, Karmeliterplatz 5. Austria.* Prezo: 600 rs.

L' ESPERANTO ET LA LUTTE DES LANGUES de *León Agourtine.* La Revue Contemporaine. LXI e Année — Nouvelle Serie Nº LVII. 21 novembre 1921. Publication de la *Societé des Amis de l' Esperanto. Esperantista Centro Oficejo 51, rue de Clichy — Paris.* Prezo: fr. 050.

REGULAMENTO DA ESPERANTISTA RONDETO «VERDA STELO». S. Bonifacio. Santa Catharina.

LA FORMORTINTA AMIKO. Teoria kaj praktika partopreno por pruvi la identecon de la spiritoj. Verkis *Jules Thiebault* (Tradukis E. Grosjean-Maupin). *Esperantista Centra Librejo. 51, rue de Clichy. Paris.* Prezo nemontrita.

TUTTO L' ESPERANTO IN UN FOGLIO. Dizionario, grammatica, pronunzia, formazione de vocaboli riassunti da J. Borel. *Itala Katedro de Esperanto. Via de Combruti 7. Bolognia. Italujo.*

PROGRAMMA. ESTATUTOS E REGULAMENTO DA FEDERAÇÃO INTERNACIONAL FEMININA. Tiu ĉi uzas Esperanton por la eksterlanda korespondado. Adreso: *Rua da Consolação, 63. S. Paulo,* Brazilio.

AFIŜETO el aluminio, 90/50 mm. Ĝi estas tre bongusta kaj portas la verdan standardon kun la vorto «Esperanto». La suba duono de la afiŝeto povas enhavi laŭvolan tekston, ekz: «Esperanta parolata», Delegito de U. E. A. membro de U. E. A., ktp. Aĉetebla ĉe s-ro *Fritz Mayerhaŭser. Bad Reichenhall-Allemanha.* Prezo: 10 pecoj... Dolaroj. 015.

---

## Hoteloj en Rio de Janeiro

*Fluminense-Hotel*—P. da Republica, 207/209.
*Parque-Hotel*—Praça da Republica, 211.
*Minas-S. Paulo Hotel*—P. da Republica, 199
*Hotel-Gomes*—Rua Visconde de Itaúna, 44.
*Restaurant Schaieder*—Rua Visconde de Itaúna, 149.

## Esperanta Gazetaro

KATOLIKA MONDO. Sendependa oficiala organo por tutmondaj interesoj katolikaj. Gazeto de "Internacio Katolika". Aperos dusemajne. Eldonejo kaj redaktejo: *Karmeliterplatz 5. Graz. Austria.* Dek numeroj: 2$000.

ARGUSO. Esperanta monata revuo. Organo de Meksikaj Esperantistoj. Eldonanto S-ro M. C. Rodriguez. *Apartado Nº 10-100. Mexico D. F.* Jarabono: 1 Dolaro.

ESPERO TEOZOFIA. Organo de Teozofia Esperanta Ligo. Redakcio kaj administracio: V. Cimr, *Krakosvska ul. 17. Praha II. Tcheco-Slovaquia. Abonprezo laŭvola.*

TAGIĜO. Oficiala monata organo de Esperanto-Asocio de Polujo" kaj "Pola Esperanto-Servo". Redaktoro: Edm. Fethke, *Bydgoszcz, Polonia, Kordeckiego 1ª.*

AGITANTO. Rusa-esperanta revuo de Kronstadta grupo de Sovjetlanda Esperantista Unuiĝo (S.E.U.). Adreso: *Kronstad, Russia. Visokaja ul. 27, loĝ. 2.* Prezo: unu numero — 2 respondkuponoj.

NOVA TAGIĜO. Monata organo de la Interpopola Rondo Esperanta ĉe la Sekretariejo de la Ligo de Nacioj. Redaktanto: C. Fujiŝava.

LA XIII A. Oficiala monata organo de la Loka Kongresa Komitato. Redakcio kaj Administracio: *Praha III. Nerudova 40. Tcheco-Slovaquia.* Abono por 5 numeroj: 2 francaj frankoj.

SENNACIECA REVUO. Monata organo de la tutmonda Laboristaro. (antaŭe "Esperantista Laboristo"). Redakcio: E. Lanty. *24. Boulevard Beaumarchais. Paris, França.* Jarabono: 6 sv. frankoj.

LA INTERŜANĜO *(L' Echange).* Revue internationale illustrée de Correspondance et d' Echange paraissant tous les deux mois Oficiala organo de «Beziersa Stelo». Redaktejo kaj Administrejo, *3, Rue du Capus et 22, Rue Viennet. Beziers (Hérault). Francujo.* Jarabono: 10 fr.

BRAZILA VIVO. Duonmonata revuo en Esperanta kaj portugala lingvoj. Redakcio: *Rua General Sampaio, 330. Fortaleza, Ceará. Brazilio.* Abonpago por 10 numeroj: En Brazillando — 5$000. Eksterlande — 25 resp. kuponoj.

EGIPTA ESPERANTISTO. Monata revuo. Oficiala organo de «Egipta Esperanto Asocio». Redaktejo kaj Administrejo: *4. Farahdeh Str. Aleksandrio. Egipto.* Jarabono: 5 oraj frankoj.

Novaj Tempoj. Revuo de Proletaria Edukado. Administranto - Eldonisto : E. Vittecoq. *Sasastot — Bacqueville. (Seine-Inf). Francujo.* Jarabono : 6 fr.

Internacia Pedagogia Revuo (I. P. R.). Oficiala monata organo de *Internacia Asocio de Instruistoj.* Redaktoro - Administranto : S-ro Jan Jacobs. *Boomsche Steenweg, 444. Antwerpen. Belgujo.*

Ruĝa Esperantisto. Presorgano de N.— Novgoroda Klubo de S. E. U. (est. ESKI). Adreso : *Studjonaja 53. N. - Novgorod Rusujo.*

Sub la Ruĝan Standardon ! Gazeto de rusaj laboristoj - esperantistoj. Redakcio : *Kronstadt. Rusujo. Poŝtkesto 918.* Ĉiu numero kostas 2000 rubloj.

La Provo. Sendependa, literatura, instrua kaj kronika provorgano de Zagrebaj Esperanto-Instruistoj kaj kursanoj. Redaktejo : dro Dusan Maruzzi. *Statiskejo. Zagreb. Jugoslavujo.* Jarabono : 24 respondkuponoj.

## Korespondado

S-ro Ichiro Aoki. *77/7 chome, Kami-Tsutsui, Kobe, Japanujo,* deziras interŝanĝi p. m., p. k. il. kun brazilaj samideanoj.

S-ro Jan Milota, bankoficisto. Jindr. Hradec. 167. 1. Tcheco-Slovaquia. P. K., bfl, L., P. M.

Diagramo de la Esperantaj kunrilataj vortoj

(*D-ro John W. Goetz kaj Odillo Pinto*)

Tre interesa poŝtkarto a etebla ĉe Brazila Ligo Esperantista.

Prezo : 600 rs, aŭ 3 respondkuponoj.